XXXV-a Jaro — N-ro 478 (7) — 15/31 Julio 1939

# ESPERANTO

Internacia Gazeto de Universala Esperanto - Asocio

# Saluton al la partoprenantoj de la 31-a Kongreso de Esperanto

Spite ĉiuj malhelpoj de la nuna momento vi ne hezitis veni al Svislando por partopreni la pacan manifestadon esperantistan, la 31-an kongreson. Estu bonvenataj en lando malgranda kaj plurlingva, kiu tamen donis al nia movado multon kaj rimarkindajn pionirojn.

La ekstera mondo aspektas malesperige, ni ripetu tiun ĉi veron. Kaj ĉio puŝas je kuniĝo por kontraŭstari ĉiun eventualecon. Ankaŭ nia movado estas en danĝero. Kaj ĝin pligrandigas disiĝo.

Nia movado jam trapasis plurajn krizojn eksterajn kaj internajn. Sed fine ĉiam venkis la kompreno pri pli alta neceso kaj restariĝis la solidareco esperantista. Multaj samideanoj atendas de vi en Bern decidan paŝon, postulon ke oni fine revenu al sana situacio

Al tiu ĉi deziro marŝi ree kune, respondas UEA per propono. Ĝi estas nenio alia ol la rebonigo de fuŝa situacio kaj ĝi konformas al la realeco.

Vi kunvenas en lando libera, proksima al lando kie Esperanto estas forigita, kie suferas spirite miloj da homoj, inter ili samideanoj. Dediĉu momenton de penso al ili kaj akcentu la idean ligitecon al ĉiuj kiuj suferas pro nuna persekutado. Tion farante vi plenumas agon kiu kompensus al D-ro Zamenhof ĉion kion li suferis kreante la lingvon kiun vi uzas. Sub signo solidareca staru via kongreso al kiu ne partoprenas samideanoj el multaj landoj el la « vivspaco » de Esperanto. Samtempe ĝuu la belecon de la lando, la trankvilecon serenan de Svislando kaj kunprenu hejmen la plej bonajn impresojn.

La Estraro de Universala Esperanto-Asocio.

K. M. Liniger, prezidanto. Renaud Richez, Vicprezidanto.
Daniel Chagnoux. — Hans Hermann Kürsteiner. — Charles Rosen. — Estraranoj.

# Por la re-unuecigo.

### Enkonduko

Estis nia intenco ne plu reveni al la demando pri organizo internacia, por iuj ŝajne solvita per la skismo kreita en la jaro 1936, sekve de kontraŭleĝaj agoj de la tiama Komitato de UEA. La tempo nun montris, kiom rajtigitaj estis la protestoj de la svisaj membroj, postulintaj fundan esploron de la demando pri forlaso subita de Ĝenevo. Ni ne volas nun ektuŝi malnovajn aferojn preskaŭ forgesitajn, sed ni volas rigardi antaŭen. Je tio instigas nin aro da korespondaĵoj ricevitaj pri tiu ĉi temo, plie pluraj petoj poeziaj kaj prozaj aperintaj en la esp. gazetaro. Ekzemple en «Pola Esperantisto », gazeto redaktata de Profesoro Bujwid, aperis pluraj artikoloj pri la nuna situacio inter-esperantista, ja eĉ Profesoro Bujwid kortuŝe alvokis :

« **Unuecigo de la movado estas necesega. Jen nova frapego al ĝi: hitlerigo de Ĉeĥo-Slovakujo. Ni petas insiste al UEA kaj IEL : unuiĝu ! La eksteraj kaŭzoj malfortigas nian movadon; kial vi plie endanĝerigas ĝin, estimataj sinjoroj el IEL kaj UEA?».** (N-ro 3 Marto 1939).

La krio je unuecigo estas kortuŝa, sentimenta, sekve malracia. Nefacile estas montri kaj pruvi, ke unuecigo de du principoj estas neebla, kontraŭnatura, do neniam daŭra. La kompreno pri la neceso, la scio pri la materia ebleco de la internacia organizo ĉe la publiko estas nula. Tio estas facile pruvebla. Se estus alie, ne estus okazinta tiaj absurdaĵoj kiaj okazis en jaroj pasintaj.

Per la nuna artikolo ni provas prezenti priskribon de la problemo kaj de ĝia ebla solvo, priatentante la epokon en kiu ni vivas kaj la realecon de la nuna kaj estonta situacio.

### Iom da historio

D-ro Zamenhof deziris organizaĵon kun rekta membreco, kun nura loka grupiĝo. La evoluo iris alian vojon. Formiĝis Naciaj Societoj (la nunaj Landaj Asocioj) kaj en 1908 fondiĝis UEA kun celo utiligi la lingvon, krei praktikajn servojn, kaj per reciproka servado formi senton de solidareco inter-esperantista. La Naciaj Societoj Propagandaj senescepte laboris por la diskonigo de la lingvo, la reprezento de la movado kontraŭ la aŭtoritatoj enlandaj. Nur unu sola societo nacia povis krei vastan servaron. Nome la Brita, kiu, de la komenco, havis oficejon kun librejo kaj mem eldonis librojn ĉiaspecajn. Ĉiuj aliaj societoj naciaj respegulas la karakteron de la lando kaj ankaŭ ilian ekonomian situacion. Nur Britujo, kun pli oferema publiko povis starigi tian Asocion, kia estas la brita, kun ĉiujara enspezo de 2400 ĝis 2800 L. St. tio estas inter 50.000 ĝis 60.000 Fr. sv. aŭ inter 400.000 ĝis 500.000 fr. fr., rondcifere. Kaj ĉiujare la britaj esperantistoj trovis la necesan monon por egaligi la *jaran deficiton*, kiu en 1938 estis 561 L. St. do 12.000 Fr. sv. proksimume. Ni ripetas, ke neniu alia societo atingis tian staton, klarigeblan nur el la escepte larĝa pagpreteco brita.

Resume : La Naciaj Societoj (Landaj Asocioj) estas tre malsamaj laŭ strukturo, kaj dependas de la bonvolo de kelkaj mecenoj. El regulaj enspezoj, kotizoj, librovendo, neniu el ili povis kaj povas ekzisti. Eĉ societoj en mez-kaj malgrandaj landoj baraktas pro unu grava malhelpo: la teknika laboro, la burokratismo tiom mallaŭdata kaj tamen tiom necesa ! Ĉiu prezidanto kaj ĉiu sekretario de Nacia Societo scias el propra sperto, kiom da tempo uziĝas por laŭŝajne bagatela laboro, ripetado senfina de samaj tedaj laboretoj, nepre necesaj por funkciigi aparaton. Kiam tiu ĉi teknika laborado do kreskas tiel ke ĝin ne plu povas plenumi libervole laborantaj prezidanto kaj sekretario, ekstariĝas la demando pri salajrata oficisto. Kaj tiam komenciĝas la problemo: kiel trovi la monon por pagi lin.

Spertis tion respektinda Generalo Sebert, fondinto de la Esperantista Centra Oficejo en Parizo. (1906-1919). La ECO estis la centro de la propagando de Esperanto, de la Lingva Komitato, de la kongreso, kaj de la Naciaj Societoj. Nek la kotizoj de la Naciaj Societoj, nek la profitoj el la kongreso kaj la donacoj de kelkaj mecenoj povis ekvilibri la budĝeton. Generalo Sebert mem alpagis konsiderindan sumon, hodiaŭ absolute ne plu troveblan.

Similan sperton faris UEA kvankam ĝia bazo estis nete diferenca kompare al aliaj organizaĵoj. Sed ankaŭ ĝi baraktis, de la komenco, pri la montego da etaj laboretoj, konsumintaj ĉiam plej multajn forton kaj tempon. H. Hodler unu el la malmultaj gvidantoj, kiu klare ekkonis la ŝancelan bazon de ĉio en Esperantujo, kreis UFA kun tre precizaj ideoj. Li pensis kaj pruvis, ke nur per mondonigaj servoj oni trovos la rimedojn por ŝtopi la truon. Li laboris sensalajre kaj pagis mem la deficiton de ESPERANTO, lia propraĵo. Dank' al tio, UEA povis labori, plenumi ŝatindajn servojn kaj atingi evoluan ŝtupon en la movado, neniam plu atingotan de kiu ajn internacia organizaĵo neŭtrala.

Kaj la Internacia Esperanto-Ligo, rezulto de aserto ke

en Britujo oni laboras multe
pli malkare ol en Ĝenevo

finas la ĉenon. Post 16-monata laboro de Septembro 1936 ĝis Decembro 1937, ĝia deficito efektiva atingis la sumon de rondcifere 27.000 svisaj Frankoj

Ke neniu esp. eldonisto vivas el normala spezado, estas vero konata sed facile forgesata. Resume oni rajtas konkludi :

Neniu entrepreno en Esperantujo
povas ekzisti el normalaj enspezoj.

### Taskoj de la Internacia organizaĵo

El la spertoj de 30 jaroj kristaliĝis nun pli klara kompreno kio necesas kaj kio eblas. Kion faru internacia organizaĵo, kion ĝi plenumu aŭ alivorte, kio estas la postuloj al ĝi ? Por iuj organizemuloj, la organizo estas preskaŭ celo, dume ĝi nur povas esti ilo. Kaj aliaj atendas ĉion de la organizaĵo, ne pensante, ke povo kaj rimedoj estas tre limigitaj. Rezultas do, ke la postuloj al la ideala organizaĵo devas esti tre moderaj. Ŝajnas al ni, ke la jenaj taskoj respondas pleje al situacio kaj ankaŭ al la troveblaj rimedoj.

La internacia organizaĵo havu la jenajn taskojn :

**Reprezenti** la tutan movadon senpolitikan.

**Entrepreni** certajn laborojn al ĝi konfiditajn, de ĉefe kunordiga karaktero, propaganda klopodado grandskala, internacia, kaj rilatajn laborojn. Organizo de la jara kongreso.

**Eldoni** la Jarlibron, gazeton kaj la plej necesajn dokumentojn, raportojn de konstanta valoro.

Ĉio alia estas superflua, neebla kaj ĉiuokaze ĉiam riska. Eĉ pri la kongreso necesas subtila atento por ne sperti surprizojn.

Konante la taskon de la internacia organizaĵo, kaj limigante ĉion al la plej necesa, atentante la faritajn spertojn, oni ekzamenu la financajn eblecojn.

### La financoj de la internacia organizaĵo ideala

Senkulpigu, se ni revenas kun teda temo: financoj. Sed kiel por fari militon necesas mono, mono kaj ree mono, ankaŭ la paco, postulas tian. Kaj ĉiu paca celado.

Rezultas el la faritaj spertoj, ke el kotizoj, neniu esp. organizaĵo kun atentinda laborprogramo, povas ekzisti. Eĉ okazaj donacoj de bonvolaj amikoj ne sufiĉas por pagi ĉion. Necesas tiam konkludi alie: Limigi ĉion ekstreme kaj provi per minimuma programo. Tiu ĉi programo aspektus tiel :

**1. Unu internacia oficejo,** nome la plej malkara kaj la plej alloga pro situo.

**2. Unu sola internacia gazeto aŭ revuo,** anstataŭ du. Pri la semajna gazeto ekzistanta, decidas la eldonisto mem, laŭ la eblecoj.

**3. Unu Jarlibro, unu delegitaro,**

Analizante bilancojn de la du organizaĵoj internaciaj oni konkludas ke ambaŭ povos enspezi sub normalaj cirkonstancoj 35.000 Frk. sv. (300.000 Fr. fr.: 1750 L. St.

**La membroj de UEA partoprenantaj la Kongreson en Bern estas invitataj por amika promenado al TIERPARK DÄHLHÖLZLI kun sekvanta kunveno. Rendevuo antaŭ la Federala Palaco, MERKREDO, 2-an de Aŭgusto, 14-a horo. Oni atingas Dählhölzli per aŭtobuso, litero "T" haltejo vidalvide de la Kasino.**

proksimume). Konsilinde estus jam nun antaŭvidi malkreskon de l' enspezoj pro eksteraj kaŭzoj kaj ne atendi pli multe ol Fr. sv. 30.000. Tio entenas ĉion, de l' Asociaj Membroj ĝis la patronoj.

Kaj laŭ tio oni devas adapti la e l s p e z o j n, ĉefe per la forigo de l' dueco.

La kerno de la financa problemo de ĉiu organizaĵo esperantista, estas la s a l a j r o j. Oni povas diri, ke la d e f i c i t o j de la organizaĵoj kun plena aparato respondas precize al la salajroj necesaj por la ĉefaj funkciuloj !

***

Grava faktoro estas la ekonomia (malbon-) stato de la mondo. La senlaboreco kaj la malkreskanta kapitalrentumo en gravaj landoj, la limigoj en la pagoj de unu lando al alia, la ne-antaŭvideblaj ŝanĝoj financaj, rezultigantaj valut-malaltiĝon, kaj fine la kreskanta imposto por pagi la gigantan sinarmigadon... ĉio tio estas faktoj tiom okulvideblaj, ke ĉiu kiu laboras internacie, devas ilin konsideri ! Rezultas do por ekvilibri budĝeton iri novajn vojojn. Unu el ĝi estas la nepra bezono, redukti ĉion ĝis la plej necesega. La dua estas serĉi serioze ricevi la bezonaĵojn (gazeto, jarlibro) je plej favoraj kondiĉoj kaj **trovi flankajn enspezojn per ili.**

Ne plu ekzistas kapitalo kiu pagos la deficiton, ne plu troviĝas donacemuloj de domo. Ni tion atentu ! Kaj ni agu laŭ ĉi tiuj perspektivoj. Preter ĉi tiuj kalkuloj stariĝas la demando, kiom granda devus esti kapitalo por certigi el la rentamo modestan funkcion de la internacia organizaĵo. Temas pri nenio alia ol pri salajroj de ĉefaj oficistoj sumo de 15000 Frk. Ĝi respondas do al la kapitalrentumo de preskaŭ 500.000 Frankoj svisaj. Jen la ĉefa punkto de ĉiuj diskutoj pri internacia organizaĵo. Kaj ĉar estas malverŝajne, ke iu meceno venos dediĉante tiun ĉi kapitalon, estas la devo de la esperantistoj, unue mem zorgi labori plej racie kaj plej konforme al la cirkonstancoj nunaj.

### Transira epoko

La sciigon mi ja aŭdis, sed mankas al mi la kredo, tiel diras eble bonvola sed skeptika leganto de la antaŭaj linioj. Kiel kunigi la du vidpunktojn en Esperantujo tiu de UEA kaj tiu de IEL ? La grava sperto farita de IEL, devus ja konvinki ties gvidantojn, ke per nura bonvolo kaj optimismaj deklaroj (en Britujo oni laboras pli malkare !) oni ne alvenos al io konkreta, reala kaj io daŭra.

En Varsovio, D-ro Zamenhof, la filo de nia majstro proponis, ke estu unu organizaĵo kun du oficejoj. Tio ŝajnis tiutempe (ne koninte la staton de IEL) ideala solvo. Hodiaŭ, post la sperto de IEL kaj post la malkonfirmo plej neta de la farita deklaro en Varsovio, **labori sen deficito en 1937 kaj kun granda gajno en 1938**, oni devus je serĉi ion alian. UEA siatempe akceptis la proponon de D-ro Zamenhof, reveni al la tradicia UEA. Dume IEL estraro opiniis, ke UEA devus akcepti la kreitajn faktojn en 1936 kaj rezigni je sia rajto. La nuna tempo postulas de la gvidantoj de nia movado, klaran komprenon pri la r e a l e c o.

Plie forlason de publikaj kvereloj pri aferoj diskuteblaj inter ni — kaj precipe forlason de malveraĵoj kaj elementan lojalecon, kio malebligos multajn senutilajn kverelojn, kaj eĉ procesojn.

UEA, konstatante la gravan danĝeron kiu ŝvebas super la neŭtrala movado proponas :

1. UEA estas la internacia organizaĵo de la individuaj Esperantistoj, regas sin sendepende per komitato elektita de la Delegitoj ; ĝi akceptas membrojn individuajn, eldonas la Jarlibron kaj sian gazeton ESPERANTO

2. Por doni eblecon aliĝi al la Internacia organizaĵo, do UEA, ĝi akceptas kotizojn de Asociaj Membroj kaj liveras la membrokarton.

3. Ekzistas tiam la Landaj Asocioj kaj UEA. Estas formata Universala Komitato de la Esperanto-Movado, en kiu partoprenas la Landaj Asocioj, unu komitatano po 500 anoj, minimume unu po aliĝinta Asocio kaj la Komitato de UEA in corpore. Tiu ĉi supera aŭtoritato de la neŭtrala movado havas konsultan karakteron, ĉiu Asocio regas sin mem laŭ sia statuto kaj ne enmiksiĝos en la aferojn internajn de la alia.

4. Problemoj kaj demandoj de komuninteresa karaktero estas traktataj kune en la Universala Komitato. Estas fiksata trijara plano, periodo de stabiliĝo, dediĉata n u r en la interna plifortiĝo, respektive al la rekunigo de la ankoraŭ ekzistantaj fortoj.

5. UEA okupiĝas nur pri tiuj laboroj kiuj necesas por liveri al la membroj tion kion ili rajtas. Pri kreotaj servoj decidas ĝia Komitato laŭ la... rimedoj.

La Oficejo en Britujo (tiu de IEL) prizorgas la kongreson, la propagandon. El la enspezoj ricevas UEA en Genève la kotizojn de la aktivaj membroj, la Oficejo de nuna IEL la kotizojn de la Asociaj Membroj, la kongreslicencon, la pagojn de la patronoj.

6. La transiro al la nova sistemo okazu plej rapide por eviti duoblajn elspezojn en 1940.

### Neŭtralismo aŭ Interna Ideo

Neŭtrala signifas « **neniu el ambaŭ** ». Tio volas diri, ke nia movado deklaras sin sendependa de iaj mondperceptoj, de politikaj doktrinoj de rasaj distingoj de religiaj apartiĝoj kaj de klasa batalo. Entute ĝi volas esti nur l i n g v a. La lingvo servu al ĉiuj.

Frue montriĝis tamen, ke ia mistiko puŝas la homojn progagandi ideon de internacia lingvo, *kiu donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si.* Spite la malinklino de la tiama Esperanto-Movado konfesi ian i d e a n bazon de nia laborado, montriĝis ke la centoj kaj miloj de la propagandistoj estas puŝataj de ia frateca sento, de la « Interna ideo ». La kontrasto inter la oficiala movado (1905) videbla en la DEKLARO pri ESPERANTISMO kaj en la vortoj de D-ro Zamenhof en LA ESPERO restis daŭre. Kaj la sola organizaĵo kiu defendis la idean enhavon de nia tuta afero estis... UEA. Necesis la konfuzo spirita post 1932, por forviŝi tiun ĉi elementan komprenon : ke ideo tiom pac-revolucia kiel la internacia lingvo, devas havi moralan fundamenton, aŭ ian mistikon. Tion bone komprenis la samlingvanoj en la klasbatala Esperanto-Movado kaj agis laŭ ĝi. Ekzistas ideoj kaj idealoj kiuj paralelas mirinde kun la nia. Estis tempo, kiam nia movado renkontis estimon kaj aprobon ĉe tiuj movadoj humanecaj. La gravega ŝanĝo en la mondo ja influis ankaŭ nian movadon. Kaj estas nura sekvo de tiu ĉi ŝanĝo, ke perdiĝis la antaŭa frateca sento inter-esperantista kaj ke eniris neado de ia gvida ideo morala.

Certe estas, ke la Propagandaj Societoj en pluraj landoj neniam povis kaj nun ne povas proklami apartenon al idea movado. Sed estas same klare, ke tiaj societoj ne devigu la internacian imiti ilin kaj ignori aŭ forigi tiun ĉi idean bazon. Sed pli katastrofa estas ĉi influo en la kadro de la organizaĵo internacia. Tion oni povas pruvi per la panika forkuro de idealismaj homoj el UEA post Stokholmo. Ekzistas, krom la esperantistoj en la Landaj Asocioj, miloj da aliaj, kiuj ne estas emaj partopreni en la Landa Asocio pro multaj kaŭzoj. Kaj ne la lasta inter ĉi tiuj kaŭzoj estas la i d e a. Redonu al la internacia movado, tiun ĉi idean bazon kaj tiam revenos ĉi tiuj samideanoj kiuj vidas en Esperanto pli multe ol nuran rimedon, kiu faciligas la komercan interŝanĝon !

UEA sendependa de tiaj influoj subtenata de ĉiuj samideanoj liberecemaj, kapablas respondi al la neceso de idea akcento en la movado. Ĉu tiun ĉi veron bazitan sur sperto oni komprenos kaj fine agos laŭ ĝi ? La proksima estonto montros tion al ni.

H. J.

## La elkora deziro

*Ho multonombraj anoj de UEA kaj IEL !*
*Kiel nebuloj blankaj sur hele blua ĉiel'*
*Vi naĝas malproksime kaj de mi nekonite,*
*Malgraŭ miaj sopiroj de miaj sonĝoj spite.*

*Mi volus vin ekkoni, saluti kaj beni,*
*Viajn dezirojn, revojn por pripenso preni*
*Kaj el miaj kaj viaj revoj kaj sopiroj*
*Konkludi pri necesaj al VERO aliroj.*

*Kaj al feliĉ' homara. Devas la societoj*
*Presi viajn distingojn en siaj gazetoj,*
*Sciigante pri ĉies fako kaj celadoj,*
*Por niaj konatiĝoj kaj korespondadoj.*
*Ĉar sen tia agado, sen tiu ĉi cel'*
*Estus kvazaŭ senanaj UEA kaj IEL.*

Ĉuaniĝano.
(Pola Esperantisto).

***

## Grava okupiĝo

*Ekkverelis niaj anoj, por kverel' okupis sin,*
*kaj solene komunikas, ke kverelos kun obstin'.*
*Moke pruvas I. E. L-anoj (tion ĉiuj scias ja),*
*ke absurda, senvalora.. estas ia.. U. E. A. !*
*U. E. A. respondas digne kaj ekpruvas pli kaj pli,*
*ke sendube I. E. L-anoj, ĉiuj estas sen raci' !*
*Kaj mi volus tre ekscii (nur ĝi estas mia cel'),*
*kiu estas pli kverela, U. E. A. aŭ I. E. L. ? !*

*Eugeniusz Matwiejczuk.*
(Pola Esperantisto).

## Vortoj pripensindaj

*Niaj mondorganizaĵoj UEA kaj IEL nepre kaj urĝe ĉesigu la disputon kaj serĉu platformon por kunlaboro. (Hungara Heroldo.)*

Jozefo MIHALIK,
Prezidanto de Hungara E.-Federacio.

***

Dum nacioj prepare mobiliziĝas ni simile faru en nia pacmilito. Same kiel regas en nacioj spirito nomata « patriotismo », ĉe ni regas komuna spirito kiun oni povus analogie nomi « espiotismo ». Por multaj ĝi estas la « interna ideo », por aliaj la sento de Esperantista solidareco formuliĝas sub diversaj sed parencaj pensoj. Sed, kiaj ajn la pensoj, estas ia firma cemento de kunligo inter Esperantistoj, kaj eble tiu vorto « espiotismo » povus bone servi por difini tion.

E. D. DURRANT
(British Esperantist)

***

Kaj restas post tia kongreso la sento de malpleneco, de neseriozeco de la tuta movado. Tian malbonsenton ne neniigas, sed nur pli substrekas la emfaza nomigo, prenita el tute alia regiono, kiel ekzemple: « la harmonia kongreso ». Ĉar ĉiu, eĉ pli bone ĉiu neesperantisto, scias, ke estas necesaj ne harmoniaj kaj ne « melodiaj » kaj eĉ ne « simfoniaj » kongresoj, sed kongresoj, plene respegulantaj la vivon, do atingojn kaj celadojn, do novajn pensojn kaj ideojn de Esperanto kaj de esperantistoj survoje al ĝenerala homara progreso kaj disvolviĝo.

Inĝ. *Józef Przyborowski.*
(Pola Esperantisto).

***

Tiu ĉi disciplino devas signifi ne submetiĝon kaj obeon al ordonoj de tiu aŭ tiu opulo, sed liberVolan akcepton de la decidoj de la plimulto, kiuj estas kreitaj *post serioza, detala kaj plene libera priparolo de la decidota afero.* Antaŭ la decido oni lasu al ĉiu diri sian opinion, sed post la decido absolute ĉiuj obeu la opinion de la plimulto.

D-ro Ivo LAPENNA
(En Esperanto Internacia)

***

La francaj esperantistoj, kiuj plej ofte apartenas al politikaj partioj, al sindikatoj, al diversaj asocioj, pagas sufiĉe altajn sumojn al tiuj partioj sindikatoj kaj asocioj (de 2 ĝis 10 fr. fr. monate), sed kiam temas pri la « granda idealo » pri la « Sankta afero » pri « Esperanto » ili opinias malfacile pagi 2 fr. fr. jare al S.F.P.E. kiu, tamen, kiel mi montris en mia lasta artikolo, alportas ĉiutage valorajn sukcesojn al tiu « idealo ».

P. PETIT
(Franca Esperantisto)

***

Tiu estas nia Internacia Ligo kies grava deficito spegulas la malstabilan staton de nia kontinento kaj la fortranĉon de naciaj branĉoj en Centra Eŭropo. Kuraĝiga tamen estas la informo ĵus ricevita, ke krom sumoj kolektitaj de la membroj por la vendo de la kuponlibretoj, alvenis malavara donaco L.St. 100 de nia samideano T.J. Guéritte. Dankon al li, kaj al ĉiuj, kiujn lia ekzemplo inspiros al kunhelpo laŭ individua povo.

(El « British Esperantist »)

***

Kiel okazis pri la « Bibliotekoj » de Ellersiek, de Mosse, de Hirt ? Aperis unu serio — ĝin oni aĉetis. Aperis dua serio — ĝin oni apenaŭ atentis. Konsekvence Ellersiek ĉesigis ĉe la 33-a volumeto, Mosse ĉe la 25-a, Hirt ĉe la 21-a. La saman vi vidas — ĉe Muusses: la unua serio — mi diras al vi konfidence, sed ne diru al aliaj ! — estas rekta fiasko. Ĉu post fino de la dua aperos tria serio, neniu scias. Tio ankoraŭ ne estas decidita, sed mi dubas.

Teo JUNG
(en letero al
C. Franzmann redaktoro
de « La Granda Familio »)

***

Fine estas io simpla, kion oni tuj povas fari, kaj kion nepre postulas, laŭ mi, la nunaj cirkonstancoj: konsideri, pli ol iam, kiel amikon kaj fraton ĉiun esperantiston francan aŭ fremdan, ne atentante ĉu li apartenas al iu ajn religia aŭ politika asocio, ĉu li estas katolika aŭ protestanta, radikala aŭ socialista.

Jean COUTEAUX
(Franca Esperantisto)

## Kial ?

Kial batalo kaj kverelo
Nun okazas en nia movado
Kial perforto, malestimo
Kaj -- hontinde ! -- eĉ falsado ?

Kial ni nomiĝis fratoj ?
Kie restas nia frateco ?
Ĉu ekzemplon de ama rondo
Ni ne volis doni al la mondo ?

Kial, tiam, la idealon
Ni senpense jam forgesis ?
Sam-ideo por sama celo
Jen la Esperanto-belo !

Nu, pripensu, pripensadu :
Celis Majstro nia amata
Ĉefe al celo de bonfaro
Kaj al monda tutfrataro.

Ni akceptis kaj fratiĝis
Ni laboris por la bono
Por komuna, grand' ideo
Kiun pelas ni al pereo.....

Ni revenu al lojaleco !
Ni revenu al sincereco !
Sed kiu falsas idealon
Kaj ne amsentas plu per kor'
I r u f o r !

Giovanni Barni.

# La vero pri skandalo

Estas kun granda bedaŭro, ke ni estas devigataj respondi al artikolo de S-ro G-lo Bastien, aperinta en Heroldo de Esperanto.

Unu fojon plian ni konstatas, la erarigan tendencon en la priskribo de okazintajoj, flanke de Sinjoro Generalo.

Ni represas tie-ĉi la rilatan artikolon kaj apude la respondon de la prezidanto de U.E.A.

Redakcio.



HEROLDO DE ESPERANTO

Eldonanto: Belga Esperanto-Instituto, K.S., Antwerpen, Belgujo. Redaktoro: Teo JUNG. Adreso de la Redakcio-Administracio: Harstenhoekweg, 223, Scheveningen, Nederl. — Al informpetoj aldonu resp.-kuponon!

OFICIALA SEMAJNA ORGANO DE INTERNACIA ESPERANTO-LIGO

N-ro 23 (1028) DUDEKA Jarkolekto 25 Junio 1939

## Skandalo !

Eksplodas sennoma skandalo, kiun apenaŭ kredos la esperantisoj.

S-ro Stettler, kiu estis Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio ĝis 1934 — li eksiĝis, ĉar la Komitato ne volis relekti kelkajn el liaj kunlaborantoj, kiujn ĝi opiniis netaŭgaj — s-ro Stettler, aganta en nomo de U.E.A., kunvokas sian posteulon, kiu estas mi, al la Tribunalo de Parizo, postulante de mi 9.000 svisajn frankojn kaj 40.000 francajn frankojn, entute 120.000 fr. fk.

Vi bone legis: li postulas de mi persone cent dudek mil francajn frankojn, tio estas 700 anglaj pundoj !

Kial ?

En 1936, post la morto de Direktoro Kreuz, mi proponis — kaj la Komitato akceptis — ke la sidejo de nia Asocio U.E.A. estu translokigita de Genevo al Londono. Mi ne detalos tie ĉi la motivojn, gravajn kaj insistajn, kiuj puŝis nin. Laŭ la statuto de U.E.A., la sidejo estis en Svislando, kaj la statuton povis ŝanĝi nur voĉdonato de ĉiuj delegitoj sur la tuta mondo. Pro urĝeco, mi esperis, ke la samideanoj komprenos, kaj ne postulos tiun longan voĉdonadon.

Mi eraris. La tre granda plimulto donis sian aprobon, sed kelkaj ĝenevaj membroj protestis, kaj evidente la ĝeneva tribunalo deklaris, ke ni ne konformiĝis al la statuto.

Por obei tiun juĝon, ni tuj komencis voĉdonadon de ĉiuj delegitoj. La rezulto estis plena aprobo: kvar kvinonoj akceptis la proponon, ke la sidejo estu translokita al Londono. Tiu sukceso estis tiom pli rimarkinda, ke, laŭ peto de la protestintoj, mi transdonigis al ili la liston de ĉiuj voĉdonontoj, tiel ke ili povis sendi al ĉiuj cirkuleron, kiu klarigis ilian vidpunkton, kaj rebatis miajn argumentojn.

Sed la samaj protestintoj denove atakis tiun voĉdonadon antaŭ la Tribunalo, pretekstante bagatelajojn.

Intertempe okazis la Viena Kongreso. La ĉeestantaj Komitatanoj havis antaŭ la okuloj la tutan korespondadon, kaj klare kaj formale decidis, **unuanime** :

Ke ni faros lastajn klopodojn ĉe la protestintoj, por ke ili rezignu la proceson.

Kaj ke, se tiuj klopodoj ne sukcesos, mi, prezidanto, devos forlasi la proceson, kaj ke la Komitatanoj kaj la Landaj Asocioj estos petitaj aliĝi al nova Asocio.

Ne mi mem iniciatis tiun proponon. Sed, kiel prezidanto, mi efektivigis la decidojn.

Miaj klopodoj ĉe la protestintoj ne sukcesis.

Tiam preskaŭ ĉiuj Komitatanoj (26 el 29) eksiĝis el U.E.A. kaj aliĝis al nova Asocio, la Internacia Esperanto-Ligo (I.E.L.) : la Komitato de U.E.A. fariĝis do la Komitato de I.E.L. Ĉiuj Landaj Asocioj aliĝis al I.E.L. La sukceso estis plena : la nova Asocio grupigis ĉirkaŭ si la esperantistaron.

Kial do oni persekutas min ? Jen la respondo :

Ĉar mi forlasis la proceson, laŭ la decido de la Komitato, mi ne povis prezenti miajn argumentojn al la ĝeneva Tribunalo, kiu akceptis la tezon de niaj kontraŭuloj, kaj denove nuligis la voĉdonadon de la delegitoj; tio ne aspektis grava, ĉar ni estis starigantaj novan Asocion. Intertempe la protestintoj konservis la asocion U.E.A. kaj funkciigis ĝin kun nombro da membroj tre malalta, ne komparebla kun la nia.

Nun, ili akuzas, ke la translokigo al Britujo okazigis tre gravajn elspezojn, kaj, per fantaziaj kalkuloj, pretendas, ke ni elspezis 8.300 svisajn frankojn pli ol ni devis. Plie, ili postulas interezojn dum tri jaroj. Fine, ili postulas 40.000 francajn frankojn kiel monkompenson, ĉar mi malutilis al U.E.A. !

Ĉu ne estus pli ĝuste diri, ke ili malutilis al I.E.L., provante kunigi ĉirkaŭ si la esperantistaron, malgraŭ la formala volo de la granda plimulto ?

Ili tamen ne akuzas, ke mi enpoŝigis monon — cetere la prezidanto neniam havas monon en la manoj. Fakte, tuj kiam I.E.L. estis fondita, la ĝenerala sekretario de tiu Ligo bilancis la kontojn, prezentis ilin al la protestintoj, kaj la saldon al Ĝenevo. Siaflanke, I.E.L. komencis sian vivon **sen unu franko.**

Ili konsentas, ke la tuta mono elspezita estis **utiligita por esperantaj celoj.** Ili scias, ke restas en la kaso de I.E.L. nenio, kio apartenas al U.E.A. Ili scias, ke la mono, kiun ili postulas, ne ekzistas. Kaj tamen ili postulas de mi tiun monon. Ili esperas, ke el la propra poŝo de la prezidanto de I.E.L. oni povos ĉerpi grandegan sumon por U.E.A.

Puni la prezidanton de I.E.L. kaj samtempe plenigi la malplenan kason de U.E.A., jen duobla profito, ĉu ne ?

Dum du jaroj mi diskutis kun ili, kaj ripetis, ke en nia kaso restas nenio el la kontoj de U.E.A.

Dum la Varsovia Kongreso (1937), ĉiuj ĉeestantaj Komitatanoj de I.E.L. voĉdonis, dum mia foresto, la jenan rezolucion :

« La Komitato de I.E.L., konsistanta el la samaj personoj kiel la antaŭa Komitato de U.E.A., per tiu ĉi rezolucio atentigas la Provizoran Komitaton de U.E.A., ke ĉiuj decidoj pri elspezoj faritaj en 1936 en Ĝenevo kaj Londono estis faritaj ne de la Prezidanto sola, sed de la Komitato aŭ Estraro en la kutima maniero ».

Mi ne konas la juran valoron de tiu dokumento, sed ĉiuj esperantistoj sinceraj ŝatos ĝian moralan valoron. Ĝi montras, ke la atakoj, direktataj kontraŭ la prezidanton, celas la administradon mem de I.E.L. Min atakas niaj kontraŭuloj, sed super mia kapo ili atingas la Komitaton de I.E.L., ĉar la faktoj, kiujn oni riproĉas al mi, estas plenumo de decidoj de la Komitato kaj de la Estraro, kiujn ofte ne mi iniciatis. Tion ili perfekte scias, sed min, min mem ili volas puni.

Ni eĉ akceptu la tezon, ke en 1936, antaŭ kreo de I.E.L., ni elspezis tro da mono por funkciigi U.E.A.; tiun riproĉon mi ne akceptas, kaj mi ripetas, ke la 8.300 sv. fr. postulataj estas fantaziajo. Sed ni eĉ akceptu, ke ni elspezis, laŭ ilia opinio, tro da mono. Ĉu vere ili rajtas postuli, ke la prezidanto pagu el sia poŝo tiujn grandegajn sumojn ? Ĉu tiuj pridiskutataj sumoj ne estas elspezitaj nur por Esperanto ? Pri tio ili mem konsentas.

Kial propagandi Esperanton ? Kial serĉi novajn membrojn ? Kial provi honestan ekvilibron de budĝeto per kotizoj ? Bagatelajoj ! Ekzistas multe pli simpla metodo por prosperigi Asocion : Elektu prezidanto subtilan juriston, kaj ruinigu la homojn, kiuj dum multaj jaroj oferis tempon kaj monon al nia movado !

***

Mi devis publikigi tiun sciigon. Sed mi ne volas, ke la novaj samideanoj pensu : Jen ilia Esperanto ! Jen ilia « interna ideo » ! Jen ilia frateco ! Fi !!!

Ne, karaj samideanoj, tio ne estas Esperanto, tiuj malmultaj homoj ne estas la esperantistaro ; ili eĉ ne estas U.E.A., ĉar la UEA'anoj ne scias, kiel prezentiĝas la afero, kaj kiun malnoblan agon oni faras en ilia nomo. Eĉ kelkaj el ili — tion mi scias — demandas sin, ĉu mi ne estas malhonesta homo. Ili nun povos kompreni, kiuj sentoj puŝas kelkajn el iliaj gvidantoj.

IEL'anoj aŭ UEA'noj, ni forgesu tiujn mizerajojn, ni kompatu al tiuj, kiuj elvojiĝis, sed ni firme restu sur la ideala kampo, ni sentu nin ĉiujn samideanoj, kaj ni kune kriu :

Vivu Esperanto !

Louis BASTIEN,

Prezidanto de Internacia Esperanto-Ligo.

# Respondo

## al Sinjoro Louis Bastien General-intendanto

### Paris

En numero 23 (1028) de l' 25 Junio 1939 de « Heroldo de Esperanto » (kiun ni apude represas) Sinjoro Bastien konatigas al la Esperantistaro la teruran « skandalon », ke UEA postulas de li antaŭ la Pariza Tribunalo monsumon de proksimume 700 anglaj funtoj. En la sama artikolo li konfesas, ke dum du jaroj oni jam diskutis pri ili. Sekvas: ke la postulo kun ĝiaj motivoj estas tre bone konataj al li, kaj ke la « skandaleco » nur konsistas en la fakto, ke UEA, laca je senrezultataj traktadoj, petis la Civilan Tribunalon en Parizo decidi pri la malinterkonsento. Post faritaj spertoj en la jaro 1936, ke sen juĝa devigo oni nenion atingas de la obstina Sinjoro Bastien, restis al UEA tiu sola eblec0.

## Faktoj

UEA estas universala organizo, kun la celo forigi la lingvajn, kaj laŭ eblece ankaŭ la moralajn barojn inter la nacioj. Tial ĝi arangis grandan reton de sendependaj Delegitoj kaj favorigis la rektajn rilatojn inter siaj membroj.

Flanke de UEA kreiĝis la landaj esperantistaj societoj, por la instruado kaj por enlanda propagando. Kun plia evoluo de la movado la landaj societoj starigis specon de internacia superkonstruo kaj deklaris, ke UEA ne plu estas necesa. Kontraŭ tiu ĉi pretendo UEA atentigas: Ke kolektado de la Esperantistoj en lokaj kaj landaj societoj bone taŭgas por la nacia flanko de la movado, sed ne por la internacia. — Ke iaspeca unuiĝo de societoj, kies ĉefa celo estas reprezenti la naciajn interesojn, restas nacieca en sia konstruo kaj spirito, sekve neniam povas veki la tuthomaran spiriton, kiu devas inspiri nian movadon. — Ke dank' al nia komuna lingvo sole ni Esperantistoj, havas la eblecon rekte interrilati kun la alia, ne bezonante la helpon kaj kontrolon de lokaj societoj kaj estroj. Tial ne necesas kopii la pezan aparaton de la Ligo de la Nacioj aŭ de iaj tiel nomitaj « internaciaj societoj », sed ni havu simplan organizon, vere supernacian, kun centro en neŭtrala lando, nome UEA.

Tio estas, en mallonga formo, la problemo de la « Internacia Organizo Esperantista ». Tiam, kiam la Esperantistoj ankoraŭ kredis al la interna ideo de nia majstro, tiam floris la movado, kaj la naciaj societoj laboris amike kun UEA, ĉiu en sia agadkampo. Pliposte, kiam oni opiniis utile forlasi la idealajn celojn por gajni plian publikon, cedante al naciaj interesoj kaj antaŭjuĝoj, tiam UEA aperis en la okuloj de lertaj naciaj gvidantoj kiel detruinda fortikajo el la pratempo de la movado. Venis atakoj de diversaj flankoj, grandparte — ni povas pruvi tion — malpli pro principaj kaŭzoj, ol ĉar UEA havis pli multajn membrojn ol iliaj societoj, kaj servadis ilin pli efike.

Post diversaj provoj ordigi en sama kesto la tre malsamajn ideojn, oni kreis en 1933 la tiel nomitan « *Interkonsenton de Kolonjo* ». En Köln, kie la Esperantistaro kongresis sub la inspiro de la brunaj ekscelencoj, UEA akceptis, por montri sian bonan volon, vastampleksan kaj multekostan centran organizon, kiu ĝin ligis al la naciaj societoj. Por funkciigi tiun « novan UEA », la tiama prezidanto, S-ro Ed. Stettler, verkis dum la vintro novan statuton. Ĝi ricevis la aprobon de ĉiuj landaj asocioj, kaj la specialajn gratulojn de la brita. Sole protestis la Franca Societo — pro pretendita ne-konformiĝo al iu decido —. Jam antaŭ 1933 la naciaj societoj estis kreintaj propran sekretariejon kun aparta Direktoro; sekve la nova kreitajo de Kolonjo estis de la komenco ŝarĝita je troaj kostoj por du Direktoroj, kaj finance malfortigita per la devigo akcepti membrojn po 50 centimoj. Rilate la elektotajn novajn Komitatanojn UEA ne dubis, ke konforme al la amika spirito de tiu pacinstrumento, estu reprezentataj en la nova Komitato la ĉefaj kunlaborantoj de ambaŭ partioj.

En 1934, dum la *Kongreso en Stockholm*, la unua ago de la kunvenintaj novaj estroj de la movado estis malelekti tri reprezentantojn de UEA, nome:

Sinjoron Johannes Karsch, longjaran Vicprezidanton de UEA kaj meritplenan estron de la Turisma fako;

Sinjoron D-ron Edmond Privat, la mondkonatan propagandiston kaj tiaman redaktoron de la gazeto « Esperanto », kaj

Sinjoron Andreo Cseh, la faman eltrovinton de sukcesplena instrua metodo.

Vidinte tiun « novan spiriton » en UEA, S-ro Stettler, la Prezidinto, deklaris malakcepti plian respondecon kaj forlasis la salonon.

Sinjorojn Karsch, D-ro Privat, Cseh... oni juĝis « ne-taŭgaj » por sidi flanke de S-ro Bastien. Vi pravas, Sinjoro General-Intendanto ! Sendependaj viroj, kun propraj meritoj, ne taŭgas fariĝi viaj obeemaj subuloj.

**En Aŭtuno 1934,** post eksiĝo de S-ro Direktoro Hans Jakob, novaj homoj regis la oficejon en Ĝenevo. De la eksiĝinta redaktoro, S-ro D-ro Privat, oni eĉ ne plu akceptis en lia gazeto adiaŭan artikolon. Pli poste, S-ro Bastien, la nova Prezidanto de UEA, ankaŭ reprenis de sia antaŭulo la kapitalon de la Asocio. Malgraŭ multaj esprimoj de konfido kaj kuraĝigoj agi kontraŭ la surpriza teatro en Stockholm, la antaŭaj gvidantoj de UEA retiriĝis en paco, esperante ke la pli taŭgaj novuloj kondukos la movadon al la promesita gloro. Bona paŝo ŝajnis atingita, kiam en la Decembra numero de « Esperanto » 1935 oni povis legi: « *UEA en 1935 finis sian jarkalkulon sendeficite, detalo unika en la financa historio de la Asocio* ».

Despli surprizita estis la membraro, trovi en la Marta numero *1936* deklaron de Prezidanto Bastien, ke pro financaj kaŭzoj la

Komitato decidis subite translokigi la sidejon de la Asocio, kaj elekti S-ron Goldsmith kiel Direktoron, por anstataŭi S-ron Kreuz, mortinta la 31-an de Januaro. En tempolimo de apenaŭ du monatoj S-ro Bastien sukcesis konstati ke la financa situacio estas en danĝero, konkludi ke sole kaj senescepte forkuro el Svislando savos la Asocion, detale kompari la elspezojn en Ĝenevo al la antaŭvideblaj elspezoj en aliaj landoj, rapide prezenti kelkajn favorulojn kiel Direktorojn, konvinkiĝi la komitaton kaj lasi al ĝi tutajn 17 tagojn por esploro, respondo kaj sendo.

Kontraŭ tia atako al intersocieta dececo kiel al klaraj reguloj de la statuto kaj la leĝo kelkaj Svisoj sin defendis. Ĉiuj deklaroj de S-ro Bastien en lia « skandala artikolo» pri komitataj kaj kongresaj aproboj ne forigas la fakton ke diktatore li informis la Komitaton laŭ bontrovo, malebligis sub preteksto de « urĝeco » seriozan esploron, kaj forviŝis sub la tablo la protestojn, kiel ekz. ĉi tiun de la Poloj dum la Viena Kongreso. Liaj paroloj ankaŭ ne ŝanĝos la du decidojn de la Ĝeneva tribunalo, nome:

*30. Oktobro 1936:*

Ke la komitata decido pri translokiĝo al Londono estas kontraŭstatuta, kaj

*4. Novembro 1936:*

Ke la voĉdonado de la Delegitoj, malfermita la 4an de Julio 1936, estas nuligata.

Estas ne ĝuste, ke s-ro Bastien ne povis prezenti siajn argumentojn antaŭ la Ĝeneva tribunalo. Vere estas, ke li havis tute bonan advokaton. Sed ankaŭ ĉi tiu ne povis forparoli la faktojn.

Finante tiun mizeran rakonton, ni konstatu, ke post la tribunala instruado pri deca prezidanta konduto, S-ro Prezidanto Bastien havis ĉiun liberecon rekomenci la aferon en ordo, atentante la rajtojn de la membroj. La malvalorigo de la svisa franko, la 6an de Septembro 1936, estus helpinta al li refari siajn kalkulojn.

Sed, kaj tion oni neniam forgesos, la Prezidanto de UEA preferis transdonigi la ŝlosilon de la Oficejo al la plendintoj, eksiĝi el sia posteno per cirkulero de la 6a de oktobro, eĉ ne petante la Vicprezidanton okupiĝi pri la orfa societo, kiu per morala akcidento estis perdinta sian patron. Se estas « skandalo » en la tuta afero, tiam ĝi estas la tiama sinteno de la asocia prezidanto !

Lerninte, per kiaj metodoj oni povas havigi komitatajn aŭ eĉ kongresajn aprobojn, ni ne dubas, ke ĉiu paŝo de S-ro Bastien estis poste solene aplaŭdata de iu instanco. Ni ankaŭ ne dubas, ke liaj agoj nur celis la bonon de la movado, kondiĉe ke la movado moviĝu laŭ lia kapo.

## 1937-1939

El la tiamaj protestintoj, al kiuj la forkurinta S-ro Bastien lasis la oficejon, formiĝis Provizora Komitato, kun la celo rekonstrui la ruinigitan asocion. Ĝi estis helpata de malnovaj fidelaj membroj, sed estis kaj estas ankaŭ forte malhelpata per la kreskanta naciismo kaj la malebligo de libera esperanta movado en gravaj landoj. Inventaro de la postlasita havaĵo baldaŭ montris, ke dum printempo 1936 S-ro Bastien, kiel administranto de la kapitalo, sendis 9.500 svisajn frankojn al Londono, por funkciigi novan oficejon de UEA, malfermitan de li en tiu ĉi urbo. Plie la asocio suferis domaĝon pro nerepagitaj enspezoj, pro iaj vendoj ktp. Ne utilas detaligi ĉi tie la sumojn. S-ro Bastien konas ilin de longe; plie li nun ricevis ilin kun komentario en bona franca lingvo, por komforta studo en lia brakseĝo.

**La principa problemo** estas simpla: nome ĉu S-ro Bastien rajtis foruzi grandan havaĵon de la Asocio por instali duoblan oficejon kaj ĝin funkciigi, por anstataŭi la oficialan sidejon. Li diras « jes » pretendante ke (kial tiom subite?) la situacio en Ĝenevo montriĝis ne tenebla, kaj ke nur la tuja translokiĝo savus la Asocion de ruino. Tial li sendis jam la 21-an de Aprilo la unuajn 8.000 sv. fr. el la Asocia havaĵo al Londono, malgraŭ ke li havis en la manoj formalan proteston kontraŭ lia fuŝado, datitan 4-a de Aprilo. — UEA pruvas: Ke S-ro Bastien utiligis la momentan embarason pro la morto de S-ro Direktoro Kreuz por plej rapide realigi certan planon; ke li agis malkorekte, kontraŭstatute, kaj, kiel montras la nuna situacio, kontraŭ la interesoj de UEA; ke li bone konis la kurotan riskon, kaj ankaŭ estis avertita pri la eblaj sekvoj.

Du jarojn, 1937 kaj 1938, UEA diskutis pere de advokatoj kun S-ro Bastien, kun parta sukceseto ke revenis 3.712.67 sv. fr. Se UEA dezirus « skandalon », ĝi jam de longe estus povinta subteni sian postulon per publikaj atakoj. Tion ĝi ne faris. Kontraŭe ĝi studis kaj rifutis pacience la dirojn de la kontraŭulo, ĝis ĝi konvinkiĝis pri senfrukteco de pliaj traktadoj. Nun ĝi submetis la aferon tute lojale al la decido de la Pariza tribunalo, kompetenta laŭ la loĝloko de la ŝuldanto. UEA fidas al la objektiveco de la francaj juĝistoj: dum S-ro Bastien ne povas nun plendi pri mankonta okazo plene prezenti siajn pruvojn.

### Pasiva legitimacio

S-ro Bastien sin apogas sur pluraj decidoj kaj aproboj de la komitato, k.t.p. Eble kun la celo devigi la plendanton, UEA, ke kun komplikaĵoj kaj kostoj ĝi procesu en la duona mondo kontraŭ ĉiu izola Komitatano. Se pli poste S-ro Bastien volas pagigi siajn kolegojn, ĉar ili bonfide akceptis liajn proponojn, li provu tion. UEA ĝin ne faros. Ĝi konstatas, ke en ĉiuj decidoj kaj artikoloj pri la translokiĝo la nomo de S-ro Bastien staris unue, okaze eĉ sole; ĝi atendas do, ke S-ro Generalo staru firme ankaŭ tiam, kiam temas pri respondeco.

### Aktiva legitimacio

UEA spertis, ke S-ro Bastien kiu manifeste agis kontraŭ la statutoj, povas esti ✱re statutema rilate aliajn personojn. Ĉar li pridubas dum la intertraktadoj la kompetentecojn kaj sekve la plendrajton de la Provizora Komitato de UEA, ĉi tiu petis la helpon de tiu Ĝeneva estraro, kiu en certaj okazoj kontrolas la societojn. Tiu estraro petis S-ron Stettler, la honoran prezidanton de UEA, ke li funkciu kiel sia reprezentanto. Nur en tiu rolo, kaj neniel pro personaj motivoj, S-ro Stettler instruis la advokaton kaj subskribis la plendon. Li agis oficiale, por komplezo al la Provizora Komitato, kies membro li ne estas.

La tuta afero resumiĝas en la simpla fakto, ke la Provizora Komitato de UEA opinias havi postulon kontraŭ S-ro Bastien, kiun ĉi-tiu malakceptas. Ĉar ambaŭ partioj ne povis interkonsenti, la plendinto petis la tribunalon, kiu ja funkcias por tiu celo, ke ĝi decidu. Estas svisa, verŝajne ankaŭ alilanda kutimo, inter decaj kontraŭuloj, eviti dum kuranta proceso ĉiujn agojn kiuj povus influi la juĝistojn aŭ la publikon. UEA silentis ĝis nun. Kiu estas konvinkita pri sia bona rajto, tiu ne bezonas kriegi.

K. M. Liniger.
Prezidanto de U.E.A.

## Niaj Mortinjoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*Sinjoro J. C. Baart de la Faille,*

Arnhem, Junio 1939. Kun sincera ĉagreno sciiĝis la amikoj de tiu ĉi nobla viro pri lia forpaso. Kun li malaperas pioniro de la unua tempo de Esperanto en Nederlando.

Li aliĝis en jaro 1901 kaj kun alia pioniro nederlanda, samideano Romein li fondis la unuan grupon en Utrecht.

Malmultvorta sed agema ĝis lasta horo, Sinjoro Baart de la Faille frue aliĝis al UEA. Li estis Delegito kaj la fido de la nederlandaj membroj portis lin en la novan Komitaton de UEA kaj en la Estraron (1939). Pasintjare la Centra Oficejo akceptis lin en la tiam nova Oficejo en Wilsona Palaco, kie li ĝoje vidis la novajn aranĝojn kaj instalon.

Malaperas unu post alia el la « malnova gvardio » de Esperanto. Restas al ni memori ilin kun danko kaj respekto pro fideleco al ideo kaj persisteco en la laboro.

*S-ro E. G. Torgny* en Skara, Svedujo, de 1923 ĝis 1936 ano de UEA 11416, 2. IV. 1939.

*F-ino Louisa Breguet*, Neuchâtel, anino de UEA de 1912 n-ro 3436, (Majo 1939).

*S-ro George Luscombe*, D en Bradford, ĝis 1936 ano de UEA 36319, 1. V. 39.

*S-ro Samuel C. Eby* eks-membro de UEA 34054, New-York 83 jaraĝa, 26. II. 39.

## Speciala Korespondado

*Felsögöd* (Hungarlando). — S-ro Teodoro Kovács, Duna u. 1-a, dez. kor. pri parenceco de la finn- ugra kaj ural-altaja popolaro, pri turismo, folkloro, fervoja, fremdultrafika aferoj, pri cigana kaj aliaj lingvoj.

Dez. ricevi reklamafiŝojn pri fremdultrafiko kaj montregionoj, presaĵojn pri urboj kaj regionoj. Petas ĉiujn fervojistojn esp., komuniki siajn adresojn al li. Ŝatas ricevi la fervojan horaron aŭstrian eldonitan 1936, somera eldono, 85a jarkolekto. Tiu ĉi anonco validas por ĉiam.

L i v e r p o o l — 14 (Britujo). — S-ro Sydney Pugmire, 80 Childwall Lane, Roby, dez. kor. pri vegetarismo, kolonioj, paco, komuna kantado.

Toul (Francujo, Meurthe-et-Moselle): S-ro D-ro med. Frédéric Spindler, 20, rue Maréchal Foch, dez. korespondi precipe kun rumaninoj (studentinoj) pri psikologio, literaturo kaj vivkondiĉoj en Rumanio.



# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1939-7

*Komitato kaj Estraro de UEA*

Konforme al Art. 37-IV la Komitato elektita per la Delegitoj en voĉdono dum Decembro-Januaro pasintaj, decidis kompletigi la komitaton per tri jenaj anoj:

Sinjoro Julio B a g h y, Budapest,
Sinjoro Hans Hermann Kürsteiner, Sankt Gallen,
Sinjoro Charles Rosen, Genève,
tiel ke la Komitato de UEA konsistas el 15 membroj, nome,

S-ro Atanas D. Atanasov, Kneja,
S-ro J.C. Baart de la Faille, Arnhem,
S-ro Julio Baghy, Budapest,
S-ro Daniel Chagnoux, Yzeure,
S-ro D-ro A. Czubrynski, Wlochy,
F-ino Helmi Dresen, Tallinn,
S-ro Joseph Dubin, Philadelphia,
S-ro Radomir Klajiĉ, Beograd,
S-ro H. H. Kürsteiner, St. Gallen,
S-ro K. M. Liniger, Bern,
S-ro Renaud Richez, Genève,
S-ro Charles Rosen, Genève,
S-ro Vilho Setälä, Helsinki,
S-ro O. Sklenĉka, Hradec-Králové,
S-ro A. W. Thomson, Bexleyheath.

La Komitato de UEA difinis kiel Estraron de UEA, la Sinjorojn:

K. M. Liniger, Prezidanto,
Renaud Richez, Vicprezidanto,
Hans Hermann Kürsteiner,
Charles Rosen,
Daniel Chagnoux,
J.C. Baart de la Faille.

Estis elektita kiel Direktoro de la Centra Oficejo, Sinjoro Hans Jakob, ĝisnuna Administranto.

Per tiu ĉi elekto la jura situacio de UEA estas regula kaj konforma al la statutaj kondiĉoj.

Dum la konstituiĝo de la Komitato kaj Estraro forpasis pro malsano, nia karmemora samideano J. C. Baart de la Faille en Arnhem.

**Statistiko pri Delegitoj**

| | |
|---|---|
| Nombro da lokoj kun D... je la 15.V.1939 | 516 |
| Novaj lokoj laŭ nuna listo + | 6 |
| | 521 |
| Lokoj sen D... .......... — | 6 |
| Stato 15 Julio 1939 ..... | 516 |

**Subtenantoj**

La sekvantaj samideanoj bonvolis aliĝi por 1939 kiel Subtenantoj. Al ili ni sendas nian koran dankon.

**Sepa listo**

61. S-ro Patrick Leahy, East Perth, W. Australia.
62. S-ro J. C. Baart de la Faille, Arnhem, Nederlando.
63. F-ino Francina P. Termaat, Delft, Nederlando.
64. S-ro A. C. Runkel, Milwaukee, Wis., USA.
65. S-ro P. A. Pavlov, Ĥarbin, Manĉurio.
66. S-ro F. Zimmermann, Sélestat, Francujo.
67. S-ro Generalo Carlo Cordero di Montezemolo, Castiglioncello, Italujo.
68. S-ro Brig. Generalo Kyffin-Taylor, Birkenhead, Britujo.
69. S-ro Pavel Ŝlechta, Bratislava, Slovakio.
70. F-ino Selma Moscicki, Jerusalem, Palestino.

***

## Novaj Delegitoj

*Bandoeng* (Nederlanda Indio, Javo). — D.: C.A.A. HACCOU, pens. registara oficisto, Juliana laan 17.

*Domérat* (Francujo — Allier). — VD.: F-ino Alice LÉONARD, instruistino.

*Holte apud København* (Danujo). — D.: Edvard MAGNUS, Rygade 31.

*København* (Danujo). — VD.: Martin BLICHER, Hjortögade 1-II, København-O.

*Livorno* (Italujo — Toscana). — D.: Piero Ubaldo BRACCI, studento-liceano, Via Cecconi 4.

*London* (Britujo). — FD (Orientaj lingvoj): YU Dawchyuan, helpa lektoro de ĉina kaj tibeta lingvoj en la Londona Universitato, 7 Barton Road, West Kensington, London-W.14. ,

*Peczenizyn* (Polujo — Woj. Stanislawowskie). — D.: Beniamin EBENSTEIN, ul. Szewczenki 5.

*Riverside* (Usono — California). — D.: Roy T. ARNOLD, oficisto, P. O. Box 280.

*Sens* (Francujo — Yonne). — D.: André GEORGET, poŝt-kontrolisto, 13, rue Cassin.

*Ŝanĝoj*

*Clermont-Ferrand* (Francujo — Puy-de-Dôme). — D.: Léon COURTINAT, redaktoro, 30, rue Chabrier (anstataŭas la antaŭan D.).

*Garstang near Preston* (Britujo — Lancashire). — D.: E. C. MALLEY, Dimples Lane, Bonds (adres-ŝanĝo).

*Yunnanfu* (Ĉinujo). — D.: CHANG Ching-Chin, instruisto, 6-B Mo-Paw San, Ching-Hung Street (adres-ŝanĝo).

*Lokoj sen Delegito:*

Boudry (Svislando) — Bourges (Francujo) : D. for al Clermont-Ferrand — Touques (Francujo) : D. for al Toul — Tronget (Francujo): D. for al Châtel-Guyon — Troyes (Francujo): D. for al Sens — Vallauris (Francujo).



### Poŝkartoj ilustritaj

*Slöinge* (Svedujo). — S-ro J. A. Nord, PI.

**Fondinto: H. Hodler, † 1920**
**Redakcio: Palais Wilson, Genève.**
**Red: Hans Jakob, direktoro de UEA**
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato: 15/31 Julio 1939